écrire et même exprimer sa pensée au moyen de notre chère langue.

Suivant l'opinion de l'orateur, ce résultat étonnant est la conséquence naturelle de deux causes indéniables : la simplicité et la clarté de la langue même, ensuite le talent spécial du professeur. Il termina son allocution par quelques paroles de remercîment approuvées par les nombreux assistants.

Un modeste souvenir fut offert au fervent professeur. Celui-ci, visiblement touché, répondit quelques mots charmants venant du cœur et termina en donnant rendez-vous à ses auditeurs à la première leçon du cours suivant, qui a déjà eu lieu à l'Université le 4 février.

— Dimanche passé, à 10 heures du matin, a eu lieu dans la grande salle de la maison « La Louve » Grand'place, 5, une réunion pour la fondation d'un groupe espérantiste bruxellois.

Plus de 150 personnes, parmi lesquelles de nombreuses dames, assistaient à cette séance. Plusieurs adeptes, empêchés pour des causes diverses, avaient envoyé leur adhésion par écrit.

M. Blanjean, le dévoué professeur du Cercle polyglotte ouvrit la séance, fit connaître le but que poursuivra le groupe et remercia les assistants accourus si nombreux.

M. Jamin lut les adhésions reçues par lettre, parmi lesquelles on remarque les noms suivants : M. Lafontaine, sénateur, M. Mourlon, géologue, M. Lefèvre, capitaine du génie, professeur à l'Ecole militaire, M. Wolfs, ingénieur, l'abbé Richardson professeur à l'Institut St Louis etc.

Ensuite M. Chalon donna lecture des statuts à accepter. Après quelques éclaircissements on les approuva en entier.

Avant de se séparer M. Blanjean, au nom du nouveau groupe, salua cordialement en termes chaleureux les noms du génial auteur de notre chère langue le Dr Zamenhof et du commandant Lemaire, l'infatigable propagateur en Belgique. Cette allocution fut accueillie par des applaudissements enthousiastes.

« La Belga Sonorilo » souhaite plein succès au groupe bruxellois.

La prochaine réunion aura lieu au même local le 24 février.

**Antwerpsche Esperantische Groep.**

— Op Zaterdag 2n Februari j. l. eindigde de heer Van der Biest-Andelhof zijnen winterleergang van Esperanto. Te dier gelegenheid hadden zijn talrijke leerlingen eene betooging van sympathie ter eere van hun verkleefden professor ingericht.

Na de les nam Mevr. Jacobs het woord; zij vertolkte in de taal van Zamenhof de gevoelens van erkentelijkheid der aanwezigen en bood aan den heer Van der Biest in aller naam een prachtig zilveren koffieservies aan.

Daarna maakte de heer Fr. Van Mael, de deken der Antwerpsche esperantisten, in het zuiverste Esperanto, den lof van den geachten professor en drukte het overgroot genoegen uit, dat de studie van het Esperanto hem had verschaft. De woorden van den heer Van Mael maakten den meesten indruk op de vergadering, want het is aan iedereen bekend, dat de nieuwe bijtreder weldra zijn 76e jaar gaat bereiken !

sian penson per nia kara lingvo.

Laŭ la opinio de la parolanto, tiu mirinda rezultato estas la natura konsekvenco de du kaŭzoj neneigeblaj : la simpleco kaj la klareco de la lingvo mem, poste, la lerta talento de la afabla profesoro. Li finiĝis sian paroladeton per koraj dankvortoj varmege aprobitaj de la nombraj ĉeestantoj.

Modestan memoraĵon oni donacis al la fervora instruanto. Ĉi-tiu, videble kortuŝata, respondis per kelkaj ĉarmoj vortoj elvenantaj de la koro kaj finigis sian alparoladeton donante rendevuon al siaj aŭdantoj je la unua leciono de la sekvanta kurso, kiu jam okazis en la Universitato la 4an de februaro.

— La pasintan dimanĉon, je la 10a matene, okazis en la ĉambrego de la domo « La Louve », Granda placo 5, kunveno pri la fondo de Brusela esperantista grupo.

Pli ol 150 personoj, inter kiuj multe da sinjorinoj, ĉeestis tiun kunvenon. Multe da samideanoj, forestantaj por diversaj kaŭzaj, sendis skribe sian aliĝon.

So Blanjean, la sindonema profesoro en la multlingva klubo malfermis la kunsidon, konigis la celon de la grupo, kaj dankis la ĉeestantojn tiel multnombre alvenintajn.

So Jamin legis la aliĝojn skribe senditajn, inter kiuj oni rimarkas la sekvantajn nomojn : So Lafontaine, senatano, So Mourlon, geologisto, So Lefevre, kapitano de la inĝeniera regimento, profesoro en la militista Lernejo, So Wolfs, inĝeniero, abato Richardson, profesoro en Instituto Sa Ludoviko, k. t. p.

Poste, So Chalon legis la fondan regularon akceptontan. Post kelke da klarigoj oni aprobis ĝin tute.

Antaŭ ol disiri, So Blanjean je la nomo de la nova grupo salutis tutkore per varmegaj vortoj la nomojn de la genia elpensinto de nia kara lingvo, Do Zamenhof, kaj de So Komandanto Lemaire, la nelacebla propagandisto en Belgujo.

Tiu alparolo estis akceptita per aplaŭdado entuziasma.

« La Belga Sonorilo » deziras plenan sukceson al la Brusela Grupo.

La proksima kunveno okazos en sama loko, la 24an de Februaro.

**Antverpena Grupo Esperantista.**

— Sabaton, la 2an de Februaro Sro Van der Biest-Andelhof finigis sian vintran kurson de Esperanto. Okaze de tio, liaj multnombraj gelernantoj organizis belan simpatian elmontron je la honoro de sia sindona profesoro.

Post la instruado Sino Jacobs ekparoladis kaj interpretis en la Zamenhofa lingvo la dankemajn sentojn de la ĉeestantaro kaj prezentis al Sinjoro Van der Biest je l' nomo de ĉiuj, belegan arĝentan kafotrinkilaron.

Poste, Sro Fr. Van Mael, la Nestoro de la Antverpena esperantistaro, faris, en la plej pura Esperanto, la laŭdon de la estimata profesoro kaj esprimis la altegan kontentecon, kiun donis al li la lernado de nia bela lingvo. La paroloj de Sro Van Mael treege impresis la kunvenintaj, ĉar ĉiuj scias, ke la nova adepto baldaŭ atingos sian 76an jaron !

Ten slotte werd de gevierde leeraar door den onvermoeibaren voorzitter der groep, den heer Dr R. Van Melckebeke warm geluk gewenscht, waarop deze, in een geestdriftige improvisatie van harte zijne leerlingen dankte, en hen aanzette om aan de esperantische zaak getrouw te blijven.

Vergeten wij niet hier te melden dat prachtige bloemgarven geschonken werden aan Mevr. Van der Biest, de echtgenoote van den professor en zelve ijverige esperantiste, eveneens aan Mevr. Jacobs en Juffrouw Giffroid, die bijzonder tot het welgelukken der betooging hadden bijgedragen.

Fine, la nelacebla prezidanto de l' grupo, Sinjoro Doktoro Van Melckebeke, varme gratulis la festitan profesoron, post kio tiu ĉi,en entuziasma improvizo tutkore dankis siajn gelernantojn, kaj invitis ilin por resti fidelaj al la esperantista afero.

Ni ne forgesu ĉi tie ke belaj floraj garboj estis prezentitaj al Sinjorino Van der Biest, la edzino de la profesoro kaj fervora esperantistino mem, kune kun al Sinjorino Jacobs kaj Fraŭlino Giffroid, kiuj precipe kunhelpis al la sukceso de la elmontro.

**Berchem.** — Na het sluiten van den welgelukten leergang door den heer Dr W. Broeckaert gegeven, richtte men aldaar in het *Café des Arts* op 30n Januari eene groep in onder den naam van « Berhem'a Grupo Esperantista ». Hierover, alsmede over de feestzitting ter eere van den sympathieken leeraar, ontvingen wij een artikel, dat te laat werd ingezonden om het in zijn geheel te kunnen opnemen. Wij zullen hierop in ons a. s. nummer terugkomen.

**Berĥemo.** — Post la fermo de la bone sukcesinta kurso, donita de Sro Dro W. Broeckaert, oni starigis je la lasta 30a Januaro grupon en la tiea *Café des Arts*, sub la nomo « Berhem'a Grupo Esperantista ». Pri tio, ankaŭ pris la festa kunveno kiu okazis je l' honoro de la simpatia profesoro, ni ricevis artikolon, kiu alvenis tro malfrue por ke ni ĝin enpresigu tute. Ni reparolos pri la dirita artikolo en nia proksima numero.

---

## Belga Ligo Esperantista.

Kiel ni jam raportis, la Ligo organizas petskribon kaj rikoltas ĉiujn dokumentojn taŭgajn.

Ĝi disdonas senpage al ĉiuj esperantistoj foliojn preparitajn en difinita formato ĉar ĝi intencas bindigi tiujn foliojn por prezenti la petskribon al la estraro.

Sin turni al la sekretario de la Belga Ligo Esperantista, 53, rue Ten Bosch, Bruxelles.

## Avizo al la Antverpenaj esperantistoj.

La kunsidoj de la Antverpeno grupo rekomencos je la 23a de Februaro kaj okazos ree ĉiusabate en la grupo kunvenejo « Taverne Royale », sed laŭ nova programo :

Je la 8 1/2a h. ĝis la 9a ; ĝenerala ripetado de la kurso de Sno Van der Biest;

Je la 9a h.: ekzercoj por interparolado, prezento de verkoj de la grupanoj, deklamoj k. t. p.

Je la 23a Februaro Dro Raym. Van Melckebeke rakontos sian *Vojaĝon tra Svisujo*. La parolado estos ilustrata per lumaj bildoj.

---

## ESPERANTISTAJ KONSULOJ.

Ni memoras al nia geleganttaro ke la 2a Kongreso aprobis la fondon de konsulejoj sed kondiĉe ke tiu fondo estos tute loka afero ; kiam ia Societo aŭ Grupo rekomendas ian konsulon, ni tion montros. Ĉiu Esperantisto povas, propravole, sin difini konsulo, sed ni povas prezenti por li, nenian garantiaĵon.

DUA NOMARO.

(vidu nian 51an numeron).

FRANCUJO.

**St Nazaire sur Loire** : R. V. R. Aubin 97, rue du Croisic.

**Tours** : Konsulejo de la Grupo Esperantista : Maurice Patin, 5, rue Michelet.

**La Rochelle** : Sam. Meyer, Makleristo.

**Reims** : Konsulejo de la Grupo Esperantista, E. Chauvillon, 5, place Royale.

**Beziers** : Sro A. Carles, rue des Balances.

ANGLUJO.

**Leeds** : Konsulejo de « The Leeds Esperanto Society ».
J. A. Woodhead, Newport House.
F. L. G. Maréchal, 12, Eldon Place.
J. H. Beaumont, 19, Leathley Road, Hunslet.
R Stancliffe, Central homme, street lane, Roundhay.

**Plymouth** : J. A. Thill, 6 Barton Crescent.

RUSUJO.

**Elisavetpol** (Transkaŭkazo): M. Krjuĉkov, « Esperanto-Ofico ».

BRAZILUJO.

**Rio de Janeiro** Konsuloj de la Brazila klubo « Esperanto »
Everardo Backheuser, Escola Politeknika, largo de S. Francisco. Raymundo Kautâo, rua dos Ourives 107 (1a etaĝo).

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA.

### TRILINIAJ NOVAĴOJ.

La Aŭstra ilustrata gazeto « Neuigkeits-Welt-Blatt » enhavas, ĉiusemajne, mallongan artikolon skribitan en Esperanto, tio estas taŭga kaj lerta propagando.

Societo « Espero » Bol. Podjaĉeskaja, 24, Peterburgo,intencas fondi Tutmondan Studentan Grupon, kaj vokas aprobon de ĉiuj Esperantistaj studentoj.

Dum majo, okazos en urbo Dresden, Esperantista ekspozicio kaj la tiea grupo akceptos plezure ĉiujn eldonaĵojn, komercajn kaj propagandajn ilojn. D^ro^ Schramm, Dresden-Landhaus.

Ni ricevis cirkuleron, kiu proponas fondon de Gazeto Matematika Internacia; de nun oni povas sendi la aprobon al S^ro^ F. J. Vaes, Mathenesserlaan 290, Rotterdam.

La Sveda Esperantista Societo fondiĝis en Stockholm de la 1^a^ de Decembro sub la prezido Waldemar Langlet, sekretario P. Ahlberg, vicprezidanto Doktoro S. E. Krikortz.

La adreso de la Provizora Organiza Komisio de la tria Kongreso estas « Kongreso, 2 King's Parade, Cambridge, England. »

La Societo Argentina Esperantisto estas fondita en Buenos-Aires. La sekretario kasisto estas S^ro^ Herbert Farnes, al kiu oni povas sin turni.

La garantia kapitalo oferita de niaj anglaj samideanoj por la Tria Kongreso, ĝis la 14^a^ de Januaro, atingis sumon da 1200 sterlingaj funtoj t. e. d. 30.000 frankoj.

Esperantistaj Socialistoj proponos uzon de Esperanto en la proksima Socialista Kongreso en Stuttgart kaj ankaŭ organizon de Esp. vesperfesto.

La ĵurnalo « Idei International » sciigas al ni ke la lernolibro en franca lingvo estas de nun prokrastita pro perdo de la manuskripto !

« Germana Esperantisto » enhavas tre bonan artikolon sub titolo : La Angla lingvo kiel lingvo internacia, verkita de Prof. Laval, Haubinda.

En Brünn, S^ro^ Pawelka fervore propagandas Esperanton inter la blinduloj de la tiea blindulejo. La grupo el Brünn aranĝis belan krisnaskan feston.

La « London County Council » kiu estas la estraro pri edukado en urbo Londono, instruigas Esperanton en kvar el siaj lernejoj.

En la venonta kongreso de kontraŭ-alkoholismo en Stockholm 1907, la « bontemplanoj » uzos permese Esperanton.

S^ro^ L. W. Schmidt, fondinto-prezidanto de la grupo de Wiesbaden kaj komitatano de la Germana Esperantista Societo, mortis subite pro apopleksio.

La Internacia Scienca Oficejo estas definitive organizita sub direkcio de S^ro^ René de Saussure. Sciicojn pri kreo de tiu oficejo oni povas ricevi; sin turni 8, rue Bovy-Lysberg, Genève.

S^ro^ John Lundgren, nia sveda samideano, entreprenis vojaĝon per Esperanto, kaj vizitis Belglandon, kie li renkontis multajn korespondantojn siajn.

MOZANO.

## RECETTES CULINAIRES.

### Homard bouilli.

Faire cuire un homard. Détacher de la coquille les œufs ainsi que les grosses pattes du corps. Fendre le corps sur sa longueur. Vider les deux moitiés du coffre au moyen d'une petite cuillère et mettre de côté la substance retirée. Couper la queue et en retirer les chairs. Découper les chairs en tranches et les remettre dans les coquilles préalablement garnies de persil, en ayant soin que le côté rouge se trouve en dessus. Couper les coquilles des pattes afin d'en mettre les chairs à découvert Les dresser sur un des bouts, appuyées sur un bouquet de persil, garnir aussi avec du persil les coquilles du coffre. Envoyer en même temps la sauce ci-dessous dont nous empruntons la formule au livre de cuisine de M. Urbain Dubois.

*Sauce.* — Mettre dans un mortier la valeur de quatre cuillerées à bouche d'œufs de homard, ainsi que la substance retirée des coffres et six jaunes d'œufs crus ; piler le tout et déposer dans une terrine. Délayer cette pâte avec deux décilitres d'huile, un peu de vinaigre et deux cuillerées de moutarde ; assaisonner avec sel et poivre de Cayenne ; ajouter une pincée d'échalotte crue, de persil et d'estragon hachés. Et verser dans une saucière froide.

## KUIREJAJ ORDONOJ.

### Boligita Omaro

Kuiru omaron. Eltiru de la karapaco (kiraso) la ovojn kaj la dikajn prenilojn de l' korpo. Fendu la korpon duone laŭ longo. Elprenu la internaĵon de la du ricevitaj partoj per kulereto kaj metu aparte la eltiritan substancon. Tranĉu la voston kaj alprenu la karnon. Distranĉu tiun karnon kaj reenlokigu ĝin en la karapacaj konkoj antaŭe provizitaj per petroselo, zorgu ke la ruĝa flanko montriĝu supre. Rompu la prenilojn por nudigi la karnon. Sur unu el la pintoj, starigu ilin apogitajn al « bukedo » da petroselo, provizu ankaŭ la ambaŭ konkpartojn per petroselo.

Prezentu samtempe la sube montritan saŭcon, de kiu la preparan formulon ni prunte prenas el la kuireja libro de S^ro^ Urbain Dubois.

*Saŭco.* — Metu en pistujo kvar plenkulerojn da omar-ovoj, la substancon eltiritan el la karapaco kaj ses flavcentrojn da krudaj ovoj ; pistu ĉion kaj metu en terpoto. Dissolvu tiun paston en du decilitroj da oleo, kelke da vinagro kaj du plenkuleretoj da mustardo ; spicu per salo kaj Kajen' pipro ; aldonu preneton da kruda ŝaloto (ajla bulbo), da petroselo kaj stragono (aromata herbo). Verŝu en malvarmigita saŭcujo.

VATELINO.

## ESPERANTISTAJ SCIIGOJ.

### El Leeds.

Kun grandega plezuro ni sciigas al la Esperantistaro ke la plej grava komerca lernejo de Norda Anglujo, la *Northern Institute of Languages*, decidis instrui senpage nian lingvon.

Sesdek-tri lernantoj enskribis sin, kaj S^ro^ F. Maréchal, sub-direktoro de la lernejo, aŭtoro de la *Tutmonda lernolibro por paroligi rapide Esperanton*, faras la kurson ĉiumerkrede je la 4.30 p. t. m.

Estas granda honoro por la Leeds'a Grupo, ĉar la anglaj klopodoj ekkomencis ĉe la Northern Institute kiam S^o^ Charlier, persona amiko de S^o^ Maréchal, en tiu tempo franca profesoro ĉe la Norda Instituto, klarigis al nia honorinda samideano S^o^ J. Rhodes el Keighley la lingvon Esperanto.

La Leeds' Esperantistoj dankas multe la agemajn direktoron A. C Poiré kaj sub-direktoron F. Maréchal pro ilia sindonemo al nia afero.

Ni esperas ke la aliaj anglaj komercaj kaj lingvaj lernejoj sekvos la ekzemplon.

Antaŭen al la celo.

---

## ENKETO PRI EDUKADO — REZULTATOJ.

Niaj legantoj ne forgesis la grandan enketon malfermitan, de « Tra la Mondo », pri la edukado en ĉiuj landoj, al kiu kelkaj el ili partoprenis.

La alvoko de nia « Ilustrato » estis aŭdata, kaj dokumentoj alvenis de multaj landoj, inter kiuj estas speciale citindaj, pro sia intereso, tiuj ricevitaj de Bavarujo, Bohemujo, Britujo, Bulgarujo, Finlando, Francujo, Ĥinujo, Italujo, Japanujo, Polujo, Rusujo, Skotlando, Tahiti, Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko.

Nia distinginda samideano, S^ro^ Th. Rousseau, doktoro de sciencoj, kiu prenis sur sin la taskon verki la raporton, ĵus finis sian laboron, kies enpreso komenciĝos en la februara n^o^ de « Tra la Mondo ». Ni rekomendas legadon de tiu raporto al ĉiuj niaj legantoj, ĉar ĝi interesas, ja, ĉiujn homojn: gepatrojn kaj infanojn; kaj precipe al la geinstruistoj kaj geedukistoj. Plue, la raporto estos bonega armilo por la propagando, montrante *praktikan* aplikon de Esperanto.

Kompreneble, la raporto estas akompanata de ilustraĵoj, kiuj pligrandiĝos ĝian allogon. Ĝi daŭros dum 4 monatoj. Ni konsilas tuj mendi la n^ojn^, kaj oni plenumos nur la mendojn kun mono.

En sia Januara n^o^, « Tra la Mondo » komencis serion da artikoloj pri Anglujo kaj urbo Cambridge.

---

### Blinduloj en Cambridge.

Oni intencas aranĝi dum la proksima kongreso de la Esperantistoj en Cambridge specialan kongreson de blindaj Esperantistoj. Monon oni trovos por ke la vojaĝo en Cambridge preskaŭ nenion kostu al blinduloj.... Nur unu kondiĉon ili devos plenumi : ke ili parolu en Esperanto dum la tuta kongreso. El Germanujo, Francujo, Svedujo, Danujo, Anglujo venos espereble 8 ĝis 10 blinduloj po ĉiu lando, el aliaj landoj, 3 aŭ 4.

Oni do povas kalkuli, ke la blinduloj estos verŝajne 40 aŭ 50. Por la kondukantoj, por la helpo dum la vojaĝo kaj la loĝado en Cambridge estos zorgita kaj, siaflanke, niaj amikoj blindaj devas jamprepari sin al vojaĝo, parolante kiel eble plej esperante inter si kaj korespondante kun aliaj blindaj samideanoj.

TH. CART.

## NIAJ ĴURNALOJ.

**La Revuo.** — Internacia monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaboro de Doktoro L. L. Zamenhof.

Tiu revuo estas certe de nun la ĉefa literatura gazeto pri Esperanto, ĉar la antaŭaj ekprovoj aŭ malaperis aŭ eliris tre neregule.

La kvin unuaj numeroj de *La Revuo* enhavas la moran komedion de N.V. Gogol : la Revizoro, tradukita de D^ro^ Zamenhof mem kaj diversajn verkojn, tre zorge internaciigitajn, elvenantajn el ĉiuj landoj kaj regionoj.

Ĝi centrigas por la Esperantistaro, la literaturan produkton kaj ni esperas ke, kun klera helpo de Doktoro Zamenhof, la direktoro nia bonekonata samideano Carlo Bourlet akceptos severe nur verkojn perfektajn, tiel pri formo kiel pri pura lingvo, kaj konservos, al La Revuo, la ŝatindan opinion, kiu regnas nun pri ĝi en la Esperanta mondo.

Ekster la literatura parto, La Revuo enhavas ĉiumonate Bibliografion kaj Kronikon ; plie ĝi organizas literaturan konkurson inter siaj abonantoj. La jara abono, por ĉiuj landoj, estas 7 frankoj. Sin turni al firmo Hachette & K^o^ en Parizo.

**Helpa Lingvo,** Dana gazeto eldonata de « Societo de Esperantistoj » el Kopenhago, aperos je la fino de ĉiu monato.

Ankoraŭ nacia ĵurnalo, redaktita en Dana lingvo kaj Esperanto, al kiu ni deziras bonvenon kaj sukceson.

La unua numero interesos certe la legontojn; ĝi helpos multe la agadon kaj la antaŭeniron de nia afero en Danlando.

Oni abonas sendante 1,20 kronojn al F^ino^ G. Monster, Osterbrogade 54 B. Kopenhago.

**Internacia Socia Revuo** monata esperanta gazeto, internacie redaktata kaj ilustrata pri ĉio, kio interesas la homaran vivadon.

Tiu revuo estas la daŭrigo de la kvar unuaj folioj elirantaj sub sama titolo. La redaktoroj tiel humile komencis sian agadon kaj nun, tuj de la unua numero, ili pruvas ian sperton tute necesan por ke ili sukcesu.

Kiel la titolo montras, la revuo sin turnas precipe al ĉiuj, kiuj sin interesas pri la socia vivado, la plimulto el la korespondantoj estas aŭ socialistoj aŭ anarkiistoj.

Ĝi pliigas feliĉe la nombron de la specialaj gazetoj, kiel Espero Katolika, Espero Pacifista, Scienca Revuo, k. c., kaj ni deziras al ĝi longan vivon kaj tujan sukceson.

Vero ne timas la lumon, ĝi naskiĝas el la opiniaro kaj ĉia sincera opinio estas respektinda.

La unua numero enhavas tre artan desegnaĵon de Hermann Paul, la titolo estas desegnita de la majstro A. Willette, ambaŭ nomoj, kiuj montras ke la Pariza arta mondo ne estas indiferenta.

La jara abono estas 6 frankoj ; sin turni al S^ro^ R. Louis, Internacia Socia Revuo, 45 rue de Saintonge, Paris III^a^.

La unua numero kostas 0.75 centimojn.

---

### Casopis Ceskych Esperantistu. Bohema gazeto.

Multenombra bohema esperantistaro ne posedis gazeton kiu estus redaktata en lingvoj bohema kaj esperanto (laŭ kelkaj alilandaj gazetoj esp.-naciaj) kaj kiu unuigus la multajn disigitajn laborantojn por nia ideo, donante al ili precizajn informojn ne sole pri movado inter esperantistoj fremdaj sed ankaŭ pri sukcesoj de ceteraj bohemaj pioniroj-samideanoj. Tiukaŭze decidis la « Esperantista klubo en Praha » la 14^a^ XI.-1906 ke ĝi mem prenos sur sin la taskon prizorgi la regulan kaj oficialan raportadon pri ĉio, kio povos interesi bohemajn — parte eĉ fremdajn — esperantistojn: la klubo eldonados de januaro 1907 novan gazeton skribatan en lingvoj bohema kaj esperanto, kiu enhavos krom literaturo ankaŭ la kronikon, bibliografion, raportojn de ĵus fondita bohema konsulejo, diversajn rubrikojn specialajn k. t. p.

Jare eliros 10 numeroj po 16 paĝoj. Abonprezo por fremdlando fr. 3.75 (por Aŭstrilando 3 Kronoj.

Redaktoro de nova gazeto estas elektita S^o^ Ed. Kühnl kiun kunhelpos redakcia komitato — aro da spertaj esperantistoj. — Ĉio koncernanta la gazeton (abonpago, manuskriptoj, insertoj k. a.) estu sendata laŭ adreso :

: Esperantista Klubo en Praha II — 313 — Bohemujo :

**Liberaj horoj** aperas kiel aldono de « Germana Esperantisto » kaj estas liverata senpage al ĉiuj rektaj abonantoj. La folio prezentas facilan ekzercan materialon por komencantoj kaj precipe konvenas por legado en esperantaj instruaj kursoj.

Ĝi ankaŭ taŭgas, pro siaj ambaŭlingvaj tekstoj kiel aldono al la germanaj gazetoj, kiuj regule publikigas Esperantan rubrikon.

Tiu aldono, kiel « Germana Esperantisto » estas tre zorge kaj elegante kompostita; tiel ni dezirus vidi ĉiujn ĵurnalojn niajn, kaj al tio penados celi « La Belga Sonorilo » kvankam ĝi devos multe aliformiĝi por plenumi tiun deziron.

Redakcio kaj Administracio : Berlin S., Prinzenstr. 95. Jara prezo por opaj abonoj : 10 ekz. . . . . . . . . . mark. 6.

## BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe José Espasa, editor. 579, Calle de la Cortes, Barcelona, Espana.*

**Curso practico de Esperanto.** Lecciones graduadas y ejercicios para aprender rapidamente la lengua internacional por R. Duyos Sedo, capitan de Infanteria kaj V. Inglada Ors, capitan de Estado Mayor.... . . . . . . . prezo : 3 pesetas.

Jen estas nova, plej plena, lernolibro por hispanoj. Unu el la aŭtoroj skribis al ni : « Mi sekvis en ĝi la faman metodon Ollendorff, la plej bonan, laŭ mia opinio, por ellernado de lingvoj, kiel la sperto pruvis. La verko estas tre plena kaj enhavas ĉion necesan por bona, en celo praktika, akiro de nia lingvo... Ĝi estas plena lernolibro kiu bezonas nek komentarion, nek ekzercojn de aplikado k.c... krom tio la verko enhavas ĉiujn radikojn de Universala vortaro. »

Efektive, gramatiko, afiksoj, sintakso, vortaro, vortfarado, ĉio estas instruata en tiu libro, mikse, sed po malgrandaj, tre facile digesteblaj, eĉ « frandgustaj » dozoj. La verko enhavas 45 lecionojn. Ĉiu konsistas el klarigo de du aŭ tri elementoj lingvaj, ekz. : la artikolo, la finigoj o kaj a, la demandmaniero : ĉiu elemento estos klarigita kiel « regulo n° ». Post ĉiu el tiuj tre mallongaj « reguloj », tiu ĉi estas aplikita en aro da vortoj aŭ frazetoj, hispane tradukitaj kaj konigantaj parton de U. V. Ĉiu leciono finiĝas per unu aŭ du temoj, kies traduko estas publikigita en dua broŝuro.

« Clare de lostemas y ejercicios contenidos en el curso practico de Esperanto. » — Samaj aŭtoroj, sama eldonisto, kosto : 0,75 pesetas.

Fine, se la lernanto deziras koni la sciencajn tialojn de la reguloj, la aŭtoroj tion ebligis, resendante lin per subpaĝaj montroj, al la « Manuel y Ejercicios de Soj V. Inglada kaj A. L. Villanueva.

Certe, la nove varbitaj samideanoj hispanaj kiuj tralaboros tiun « Curso » konos perfekte nian lingvon : ili ne plu bezonos lerni ion ajn novan, ĉar ili posedos pli da konoj, ol enhavas la « Fundamento de Esperanto » mem ! Cetere, la verko estos aprobita per speciala letero de la Doktoro. — Ni do kore gratulas la aŭtorojn pro ilia produktaĵo kiu tiel allogis tre faman Anglan amikon, ke li intencas alfari ĝin al la Angla lingvo.

### Cours méthodique d'Esperanto.

Ĉe librovendejo Mouzelard, rue de Bruxelles,Namur.Fr.:0,65.

Plaĉu por instrui. La elektita metodo montras la lingvon tre facila, dank' al la komparo inter Esperanto kaj aliflanke la franca, flandra aŭ latina lingvoj. Plie ĝi estas tre agrabla ; la tradukoj estas interesaj elĉerpaĵoj el la bonekonata libro « Paĝoj el la flandra literaturo ».

Ofte por varbi skeptikulon, sufiĉus donaci tiun libreton ; la traleganto baldaŭ fariĝos adepto.

Plie ĝi estas Belga lernolibro kaj pro tio rekomendinda al ĉiuj samlandanoj niaj.

---

*Laŭdinda Ekzemplo.* La propagando pri Esperanto, enkondukita en libro traktante alian temon, estas ĉiam profitema ; tial ni gratulas kore abaton T. B. Servais, paroĥestro de Haltinne (provinco da Namur) pri enkonduko de paragrafo Esperanta en sia broŝuro : Pastra vizito de Lia Episkopa Moŝto Heylen, episkopo de Namur ĉe la paroĥo de Haltinne. Krom la kutimaj sciigoj ni trovas en ĝi Esperantan kronogramon lerte redaktitan de S^ro^ Eug. Servais, teologia studento ĉe la katolika seminario en Namur.

---

**La Antaŭdiro** originala komedio en du aktoj, de Charles Stewart, M. A. (Cantab.)

*London*, W. C. Brita Esperantista Asocio, 13 Arundel Str. Strand . . . . . . . . Six pence (0.75 fr.)

**Unua Protestanta Dioservo** en Ĝenevo laŭ stenografiaj notoj de Fr. Schneeberger, pastro.

*Biel* (Suisse) Ofico de Esperanto, Centralstr. 42 . . 0.50 fr.

---

**La Kaprino de S^ro^ Seguin** laŭ Alphonse Daudet, traduko de Ad. Yersin.

*Neuchatel* (Suisse) Presejo Paul Attinger . . . . 0.15 fr.

---

**Al la Virinoj** laŭ Urbain Gohier, kaj letero de Ĥino pri la milito, traduko de Fi-Blan-Go.

*Paris* III^a^, 45, rue de Saintonge. . . . . . . . 0.15 fr.

---

**La Katolikaj Esperantistoj** en Ĝeneva Kongreso, eldono de la « Espero Katolika »

*Tours* (Indre et Loire) France ; P^o^ Em. Peltier, Sainte-Radegonde . . . . . . . . . . . . . . . . . 0.15 fr.

---

**Sinjoro Badin**, unuakta komedieto de G.Courteline, tradukis S-oj René Beck kaj Raymond Jean.

*Tours* (France), 7, rue de la Serpe . . . . . . 0.25 fr.

---

## FABELOJ KAJ RAKONTETOJ.

### La Fabelo pri la mira cervo.

(*Deveno de la Hunoj kaj Hungaroj*).

La reĝo Nemrod (pri kiu parolas la Biblo) havis du filojn, kies nomoj estis Hunor kaj Madjar. Ilia patrino estis la belega Ene. Iam Hunor kaj Madjar iris al kurĉasado. Ĉiu el ili elektis kaj alprenis 50 kavalirojn. Ili estis jam mortigintaj multe da kapreoloj kaj cervoj, kiam aperis grandega vircervo, kun multbranĉa kornaro.

La reĝidoj, kun nova entuziasmo, persekutis la la mirigan ĉasaĵon kaj, tion farante, pli kaj pli malproksimiĝis de sia hejmo. Ili venis al salmaro, en kies dezertan ĉirkaŭaĵon nek urso nek lupo vage venis, sed kie loĝis nur panteroj kaj leonoj.

Jam alvenis la vesperruĝo, kiam la cervo antaŭ la persekutantoj malaperis Nokte ili alvenis ĉe la bordon de *Kur* — rivere enfluanta en la kaspiena maro, en Azio. — La margaŭan matenon, dorminte, ili eksercis la hejmo-vojon ; sed jen reaperis la miriga cervo. Kun nova fervoro ili ree persekutas la kornportanton kiu, vespere, remalaperas. Tio reokazis dum kelkaj tagoj. Ĉiam volante reiri hejmen, ili tamen ĉiam denove sekvis la cervon. Tute perdinte la hejman vojon, ili alvenis ĉe la riveron Don — apud la Azov-maro – kie la cervo por ĉiam malaperis.

Ili decidis tie fondi novan patrujon, ĉar la ĉirkaŭaĵo estis herboriĉa, sekve povis provizi bonan herbaĵon por siaj ĉevaloj ; la rivero enhavis multegon da bongustaj fiŝoj, kaj la arbarego multnombrajn ĉasbestojn.

Iun tagon, ĉasante en la najbaraĵo, ili aŭdis belan flutan kaj tamburan muzikon ; alveninte en la maldensaĵo, de kie venis la ĉarmigaj sonoj, ili ekvidis feine-belajn knabinojn, la filinojn de la reĝo *Belar* kaj *Dul*, kiuj, dancante kaj kantante kun siaj amikinoj, sin amuzis.

Kvazaŭ knaboj ekkaptontaj papilion, ili ŝtelire alproksimiĝas, ekprenas la belulinojn kaj forrajdas kun siaj noblaj kaptaĵoj. La du filinoj de la reĝo *Dul* — la plej belaj — fariĝis edzinoj de *Hunor* kaj *Madjar*.... El ili naskiĝis du grandaj nacioj : la Hunoj kaj la Madjaroj (1) (Hungaroj).

*El letero de* Prof. ALTENBURGER,
*el* Szeged.

(1) Tiu vorto *Madjar* klarigas la esprimon *Magyar* au *Madgyar* kiun oni ofte uzas por montri *Hungarojn* (Red.).

## Lasta Juĝo.

### HUMORA RAKONTETO.

1. — Estis nokto: hela kaj varmeta nokto de somero. Kvin junuloj, el vilaĝo festo, reiris al la urbo.

Ili estis tre gajaj: laŭte ridis kaj kantis, krom unu, kiu estis tiom ebria, ke li ne povis marŝi. Liaj kunuloj, tenante lin sub liaj brakoj, malfacile trenis lin; kaj la malfeliĉulo nekonsciante kion li faras, puŝante la ŝtonojn de la vojo, kuu faldanta korpo, ŝancelanta kapo, vidigis la plorigan spektaklon de plena ebrieco.

— Sed, diris unu el la junuloj, ni estas ankoraŭ malproksime de l' urbo, kaj, laŭ nia malrapideco, mi vidas ke ni ne baldaŭ alvenos. Estas la dekunua, kaj morgaŭ, fru-matene mi devos eliri por labori. Mi dezirus tamen ripozi dum kelkaj horoj.

— Kion fari? diris alia; ni ne povas tie ĉi lasi tiun sensentan drinkulon: en lia nuna stato, malfeliĉaĵo povus lin atingi, kaj ni rajte bedaŭrus pri tio.

— Sed, diris la unua, se ni kuŝigus lin en la fosaĵo, flanke de la vojo?

— Aŭdu vi, diris tria, mi elpensis ion: la tombejo estas nur je kelkaj pasoj de tie ĉi: ĉiam estas kavoj antaŭe fositaj: si ni lin metus en iu el ili? Tiel, nenia malfeliĉaĵo estus okazonta; la aero estas belega, varma la vetero: nia enuiga drinkulo tie dormegos kiel en sia lito kaj, morgaŭ, li povos reiri tute sava.

— Hurah! Bonega estas via ideo, ekkriis la petoluloj ridante: tio estas bela ŝercaĵo per kiu li pagos la enuojn, kiujn li donis al ni!... Antaŭen!...

Kaj kvarope kaptinte la drinkulon je la kvar membroj, ili elportis lin, nelaŭte kantante funebran kanton.

2. — Jam alte en la ĉielo ja staris la suno, kiam nia drinkulo malfermis siajn okulojn.

Ankoraŭ tute plipezigata de la alkoholaj vaporoj, li devis kelkatempe pensi por certiĝi pri la loko kie li estas. Kiam fine li konstatis ke li kuŝas funde en fosaĵo, li provis memori kiel tio okazis: sed el lia obstrukcigita cerbo, nenia ideo spruĉis. Subite grandega teruro kaptis lin:

— Bona Jesuo, li diris al si mem, mi kuŝas en tombo... mi enteriĝis... mi estas do mortinta!... Mi, malvivulo?... Tamen... tamen...

Tion dirante, li premis siajn membrojn... per fingroj palpetis la flankojn de la kavo... fermis kaj malfermis la okulojn...

— Tamen... ŝajnas al mi ke mi estas viva! Tiam luma penso eniris lian drinkulan cerbon: Jes, li diris, mi estis mortinta... sed mi reviviĝas... hodiaŭ estos la lasta juĝo!

Precize ĉe la sama momento, kiam li tiel parolis, kavaleria regimento laŭiris la tombejon, kaj subite la trumpetoj bruege sonis en la matena silento.

— Nenia eraro, ekkriis la drinkulo; jen la anĝeloj sonigis siajn trumpetojn!... Ho, bona Dio, kia afero!... Sed... mi devas iri al la juĝo... Nur..., mi ne scias kie estas la juĝejo... Ba!... mi unue eliru el la tombo: mi sekvos la aliajn.

Levinte sin mallerte, li sukcesis, post multe da klopodoj, supreniri el la fosaĵo. Li rigardis ĉirkaŭ si kaj miriĝis vidante ke, en la tombejo, ĉio tute silentas.

— Ho! diris li; ŝajnas ke mi estas la unua! Same li memoris ke, kiam li estis vivulo, drinkejo staris antaŭ la tombejo.

— Nu! ekkris li, tuj rigardu ni ĉu la drinkejo estas ankoraŭ tie: ni eltrinkos glaseton, atendante la aliajn kunreviviĝantojn!

Kaj la drinkulo forlasis la loĝejon de la mortuloj, por reeniri la societon de la vivuloj.

E. V. Honinckx.

## PROBLEMOJ.

**PROBLEMO 28**a (de S-ro Weemaes). — Kiel homo fariĝos monero, — presaĵo, rivero, — besto, piedvesto, — homparto, ludkarto?

**PROBLEMO 29**a (de Plantano). — Anstataŭigu la punktojn per konvenaj vokaloj: vi legos frazon el krestomatio:

L. .nk.nd.k. d. l.ngv. .nt.rn.c.. .lp.rt.s .l l. h.m.r. gr.nd.g.n .t.l.n.

**PROBLEMO 30**a (de Plantano)

Anstataŭiginte la punktojn per konvenaj literoj por formi vortojn, oni legos du vortojn signifantajn: pseŭdonimo konata de niaj divenantoj; militestro.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| a | . | o | . | i |
| a | . | i | . | n |
| g | . | j | . | i |
| i | . | t | . | r |
| e | . | e | . | o |
| b | . | l | . | i |
| o | . | k | . | o |
| . l | . | k | . | j |

**PROBLEMO 31**a (de Plantano). — Vortoj kvadrate metitaj kun unuformaj oblikvaj literoj.

Ion forlasi el pagota monsumo (radiko). — Ekleziulo — frapon — organa malfortiĝo — Mallongiĝo de Antonio.

Figuro:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
| 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 5 | 6 | 7 | 8 | 9 |

**PROBLEMO 32**a. — Unu estas farita per la alia; ambaŭ estas valorhavaj kaj diferencas nur per unu litero.

———

Oni sendu la solvojn al S-ro J. Coox, en Duffel, antaŭ la 30a de Marto.

Oni bonvolu uzi nur poŝtkartojn por sendi la solvojn, kaj ĉiun karton nur por unu serio da problemoj.

Niaj divenantoj rajtas uzi pseŭdonimon publikigotan en la gazeto, sed ni bezonas nepre koni la veran nomon.

Sekve, tiu, kiu subskribis *Cn. d. M.*, bonvolu konigi sin.

Tio estas nepre necesa por klasigo kaj dispartigo de l' premioj.

## SOLVOJ.

**PROBLEMO 15**a. — Nenio estas super Esperanto.

» **16**a. —

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | K | | | |
| | | J | A | M | | |
| | J | U | N | I | O | |
| K | A | N | T | O | R | O |
| | M | I | O | P | A | |
| | | O | R | A | | |
| | | | O | | | |

» **17**a. —

| | | | |
|---|---|---|---|
| Tra | ge | di | o |
| ge | ni | o | |
| di | o | | |
| o | | | |

» **18**a. —

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| I | d | o | | | | |
| d | u | m | | | | |
| o | m | b | r | o | | |
| | | r | i | p | | |
| | | o | p | i | n | i |
| | | | | n | u | r |
| | | | | i | r | i. |

**PROBLEMO 19**a. — Se vi diros ke « li » flugas, la birdo estas virseksa, — se vi diros ke « ŝi » flugas, estas ino!

**PROBLEMO 20**a. — Plando, lando.

**PROBLEMO 21.** — A). Inter diversaj manieroj numerigi l' alfabeton laŭ postulo de l' demando, jen tiu kiu estas alprenebla:

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| a | b | c | ĉ | d | e | f | g | ĝ | h | ĥ | i | j | ĵ |
| 2 | 4 | 6 | 8 | 10 | 12 | 14 | 16 | 18 | 20 | 22 | 24 | 26 | 28 |
| k | l | m | n | o | p | r | s | ŝ | t | u | ŭ | v | z |
| 27 | 25 | 23 | 21 | 19 | 17 | 15 | 13 | 11 | 9 | 7 | 5 | 3 | 1 |

B). Laŭ la demando de l' problemo,

$$x = \frac{1+2+3+4+5+6+7+8+9+10}{2} - 3{,}5 = 24$$

El tio, farante la kalkulojn, ni trovos laŭ vice:

III=12, VII=2, VI=15, V kaj IX=9, VIII kaj I=19; IV=25, II=13.

Sekve, la intermiksita vorto estas:

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Romcifere: | I | II | III | IV | V | VI | VII | VIII | IX | X |
| Arabcifere: | 19 | 13 | 12 | 25 | 9 | 15 | 2 | 19 | 9 | 24 |
| Litere: | o | s | e | l | t | r | a | o | t | i |

El tio; ARISTOTELO.

**DIVENIS.** — **So Plantano**, ĉiujn; **So Chaufoureaux**, ĉiujn krom 19; **So Mathys**, ĉiujn krom 19, 21; **So Weemaes**, 15, 16, 18, 20; **So Lundgren**, 15, 16, 18, 21; **So Cn. d. M.**, 16, 17, 18.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C[ie].

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le COMM[t] MATTON . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

## *Publications Espérantistes belges.*

Esperantaj Belgaj Presajoj

Ĉe : A. J. WITTERYCK, 4, N[lle] Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.50
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de D[ro] Maurice Seynaeve kaj D[ro] Raym. Van Melckebeke . . . . . 1.50
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de S[rino] Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . . . . 1.00
**Tra Mez-Afriko**, de K[to] Ch. Lemaire. . . . . 2.50
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 3 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . . . aparte 0.20

Ĉe : S[ro] E. MATHYS.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. DUBOIS.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique,** d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . 0.65

Ĉe : W[e] DEMARTEAU-THYS & ZOON.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

**Aldonu la koston de la sendo.**

Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend.

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1[er] JANVIER 1907.*

PRIX :
Un exemplaire franco . . 0.10 fr.
10 exemplaires . . . . 1.00 »
20 » . . . . 1.50 »
50 » . . . . 3.50 »
100 » . . . . 6.50 »

Specimen gratuit
S'adresser à M. J. COOX, à Duffel. (Belgique).

# Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Esperantista Societo,** en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 20, Place Verte, Verviers.

**Grupo Esperantista,** en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Grupo Esperantista,** en Liége. Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Liera Grupo Esperantista,** en Lierre. Prezidanto : So Mengal, kapitano komandanto, Lierre.

**Grupo Esperantista,** en Bruges. Prezidanto : So A-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto,** Grupo en Laeken. Prezidanto : So H. Calais, 23, rue du Chemin de Fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista,** en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

---

# Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste,** du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Sekretario : So Luc. Blanjean, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.

**Esperantista Lovena Grupo,** en Louvain. Prezidanto : Sro Advokato Edm. Van Dieren, Zwarte Zusters straat, 10, Louvain.

**Grupo de la garnizono,** en Namur. Prezidanto : So Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Namur, Malines, Gand. k. c.

---

## La Signo Esperantista

estas

**LA VERDA STELO**

kaj

la verda stelo estas la SIGNO « GASSE »

la plej bela, — malkara, — simbola kaj scia, vere disvastigita internacie rekonilo esperantista; ne estante ŝtofa, ĝi ne difektiĝas.
Prezo fr. 1.00 afranke en Belgujo. Sin turni al S° COOX, Duffel.

---

**IMITAĴOJ (1a ELEKTO)** de poŝtmarkoj de Francujo, Belgujo, Monako, Kongolando, k. c.; kolonioj germanaj (tipo « aglo ») kaj francaj. Prezaro de 2000 diversaj tipoj kun specimeno senpage.

**F. FOURNIER, rue du Rhône, 11, Genève (Svisujo).**

Leĝe patentita sub n° 16062. 24 premioj ĉe Internaciaj Ekspozicioj (66)

---

## SPINEUX & C°, Bruselo,

POLIGLOTA LIBREJO, FONDITA EN 1833

62, MONTAGNE DE LA COUR,

Vendas ĉiujn Esperantajn librojn.

**KORESPONDAS ESPERANTE.**

TELEFONO N° **3688.** (68)

---

## The British Esperantist

Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. angle-esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A., 13, Arundel Street, Strand, London.

---

## Sinjoro Mathouillet,

ano propaganda de S.P.P.E., kaj rajthavanto de l' tre potenca firmo por burgondaj vinoj **CHAMPY PÈRE ET FILS**, el Beaune, (Bourgogne), loĝas en **Hôtel d'Harscamp**, en Namur, de la 1a de Novembro ĝis fino de Marto.

Li deziras trovi seriozajn agentojn en la urboj: Chimay, St Trond, Ramillies, Landen, Couthuin, Fosses, Fleurus, Diest. (58)

---

## L'Union Postale Universelle

## La Poŝta Universala Unuiĝo

ĈIUMONATA INTERNACIA ĴURNALO

EN RUSA KAJ ALIAJ LINGVOJ.

APERAS LA 1an DE ĈIU MONATO.

*Abonkosto: 5 frankoj aŭ 2 rubloj.*
*Unu numero: 20 kopekoj.*

Sin turni al la Redakcio: strato Mario N° 3, log. 6 en Riga aŭ al Societo « ESPERO » Bol. Podjaĉeskaja, n° 24, log. 12 en Peterburgo.

**Redaktoro: Sro W. E. Tscheschichin.**

---

LUEBLA.

---




**Mekanika bindilo**, kun risorta dorso, por Belga Sonorilo kaj Tra la Mondo.
Oportuna kaj praktika por konservi sendifekte la gazetojn.
Prezo, afranke en Belgujo, fr. 2,50
eksterlanden » 3,00
Ĉe S° WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

---

## Northern Institute

ÉCOLE COMMERCIALE DE LEEDS

**Cours spécial pour les Etrangers**

Seul moyen d'apprendre vite et bien la langue anglaise et le commerce.

**Cours de vacances spécial pour les élèves étrangers.**

(62) Directeur: M. A. C. POIRÉ.

---

## L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**de poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendata devige.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enpresigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, **Sro ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# La Belgique

## artistique et littéraire,

*Revue*

NATIONALE DU MOUVEMENT INTELLECTUEL.

Paraissant en fascicules mensuels d'au moins 150 pages, **LA BELGIQUE** est la plus importante de nos publications périodiques. Elle publie des articles d'art, de littérature, de critique, d'érudition, etc., signés des noms les plus autorisés du monde intellectuel belge.

Tous les mois : **CHRONIQUE DES LIVRES** par Mme Blanche Rousseau, MM. Paul André, Arthur Daxhelet, Georges Dwelshauwers, Ernest Mahaim, Georges Marlow, Henri Maubel, Ed. Ned, Sander Pierron, Fernand Séverin, etc.

**LES SALONS** par Edmond Picard.
**LES THEATRES** par Paul André.
**LES CONCERTS** par Aug. Joly.

*ABONNEMENT :*

| | | | |
|---|---|---|---|
| BELGIQUE, 1 AN : 12 FR. | 6 MOIS : 7 FR. | 3 MOIS : 4 FR. |
| ÉTRANGER, » 15 FR. | » 9 FR. | » 5 FR. |

**LE NUMÉRO : 1 FR. 25 CHEZ TOUS LES LIBRAIRES.**

BUREAUX :

*26-28, Rue des Minimes, BRUXELLES.*

## " TRA LA MONDO "

**Tutmonda multilustrata revuo esperanta**

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio ; militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj. Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo, en Duffel (Belgique).

## LINGVO INTERNACIA.

Monata Gazeto tute en Esperanto : 5 fr. ; kun literatura aldono : fr. 7,50.

Presa Esperantista Societo.

33, rue Lacépède, Paris Ve.

## Espero Pacifista

Monata organo de l'Internacia Societo Esperantista por la Paco. Jara abono (aŭ minimuma kotizo) : 5 fr. Krom avizo kontraŭa, la abonantoj estas enskribataj kiel aliĝantoj al la Societo. Tiu ĉi akceptas ankaŭ aliĝojn opajn. Sin turni al

**So GASTON MOCH, 26, rue de Chartres,**
*Neuilly-sur-Seine*, (Francujo).

LUEBLA.

LUEBLA.

## Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktata en franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro ĉe la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15a de Oktobro ĝis la 1a de Aŭgusto.

**Unu numero :** 1.00 franko.
**JARA ABONO : Belgujo :** 5.00 frankoj.
**Alilando :** 7.50 frankoj.

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,** LIEĜO (LIÈGE).

## La Revuo

internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de

Dro ZAMENHOF.

Ĉe Hachette k. Ko, 79, Bould St.-Germain, Paris.
Jare : Fr. 7.

## L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . . . . . . fr. 3.50
Avec inscription à la Société . . . . fr. 4.00